# INTERNACIA FERVOJISTO




40a jaro n-ro 5 1988

Stacidomo de SALOU, Hispanio, urbo de la 41a IFEF-kongreso.
Post kelkaj monatoj ni alvenos laŭ la ĉi-supraj trakoj.

## REDAKTORA BABILO

Finiĝis la somero. Rapide alproksimiĝas la labora sezono de asocioj, societoj, grupoj, unuopuloj. En multaj lokoj la cirkonstancoj estas pli favoraj ol antaŭe. Nur bedaŭrinde ke en kelkaj lokoj mankas homfortoj sufiĉe junaj por pluporti la torĉon kaj ekspluati la eblecojn.

La nuna, dua postkongresa numero de IF enhavas plejparte la resumon de jarraportoj pri 1987 kaj la protokolon de plenkunsidoj en Perpignan. Interesaj legaĵoj por ĉiu aktiva IFEFano. La agado de niaj landaj asocioj, lokaj grupoj kaj unuopuloj ja estas bazo de IFEF, kaj vi devas fari la plejparton de la laboro.

Salou logas nin al 41a kongreso kaj Terminara Komisiono ne ripozas sur la laŭroj, sed starigas sur paĝo 68 novajn projektojn por plibonigi, utiligi, ekspluati ktp. Se vi atente legas tiujn TK-informojn, vi certe trovas erojn, per kiuj vi povas kontribui.

Pro la ampleksaj raporto kaj protokolo kelkaj artikoloj atendas publikigon. Supozeble la venonta IF havas lokon.

Red.

## FERVOJISTA TAGO DUM LA 73a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

23a-30a de julio 1988
en Roterdamo (NL)

Ĵaŭde la 28an de julio 80 interesitoj el 18 landoj ariĝis en salono Drees de la kongresejo. La kunvenon prezidis vicprezidanto István Gulyás, kiu raportis pri la 40a IFEF-kongreso. Vicprezidanto de UEA, s-ro Gregoire Maertens, per belaj vortoj salutis la kunvenon kaj memorigis la ĉeestantojn pri la rezultoplena agado de fervojistoj-esperantistoj.

Fake okazis prelego pri konstruata fervojtunelo en Roterdamo kaj pri ferbetonŝpaloj en Hungario (Por la tekstoj aŭ resumo de ili ni esperas trovi lokon en la venonta IF).

Post la kunveno ni komune iris al la stacidomo Rotterdam-Blaak por spekti ekspozicion pri la tunellaboro.

Speciala trajno portis 40-kelkaj kongresanoj al la roterdama haveno, kie ni dum unuhora veturado kun bonega klarigado pere de la voĉo de Wim van Leeuwen tra la trajna laŭtparolilo ricevis abundan impreson pri la ĉiutaga laboro de fervojistoj en tiu grandega areo.

Vere sukcesplena fervojista tago. Dankon kaj gratulon al FERN pro ĝi.

**INTERNACIA FERVOJISTO**
Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio:** E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved.

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretario:** Otto Rösemann, Ringstrasse 14 D, D-3067 Lindhorst.
**Dana poŝtĉekkonto:** 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.
**Dana bankkonto:** 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).
**Svisa bankkonto:** 471-02, Thurgauische Kantonalbank, CH 8590 Romanshorn.
**Svisa poŝtĉekkonto:** CH 85-4110-5 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.

41a INTERNACIA FERVOJISTA
ESPERANTO-KONGRESO
13a - 19a DE MAJO. 1989



IFEF
FISAIC





# 41a IFEF-KONGRESO SALOU, Hispanio

13a-19a de majo 1989
c/ Ruiz de Padron 45, 2º.2ª.
E-08026 Barcelona

Malmultekosta restado estas tio, kio unue impresas, vidante la aliĝilon de la 41a IFEF-kongreso.

La hotelprezo, kiu inkludas tranoktadon, matenmanĝon, tagmanĝon, vespermanĝon kaj impostojn, estas por ĉiu persono je tago:

| | pesetoj |
|---|---|
| kategorio A (= kun banejo) | |
| en unulita ĉambro | 2600 |
| - dulita - | 2100 |
| kategorio B (= kun duŝo) | |
| en unulita ĉambro | 2300 |
| - dulita - | 1800 |

Kongreskotizo ĝis 31.1.1989:

| | |
|---|---|
| IFEF-membro .................. | 5000 |
| Familiano kaj junul(ino) ĝis 20jara ....... | 2500 |
| Ne IFEF-membro ................ | 6000 |
| Subtena aliĝo - minimume ...... | 1000 |
| Infanoj ĝis 15jaraj ........ | senpage |
| Ĉambroperado (po lito) ..... | 300 |

Kongreskotizo kaj minimume unutaga restado devas esti pagita, por ke la aliĝo validu.

La programo antaŭvidas duontagajn ekskursojn dimanĉe (14.5) al Reus - Tarragona por 650 pesetoj, kaj marde (16.5) al Priorato - Falset - Mora por 750 p-toj, tuttagan ekskurson merkrede (17.5) al delto de rivero Ebro por 2500 p-toj. Krome bankedon kaj balon marde (16.5) por 3000 p-toj.

Trafikas Esperanto-trajno inter Port-Bou kaj Salou la 13an de majo kun forveturo de Port-Bou ĉ je 8a. La Esperanto-trajno konsistos el rezervitaj vagonoj. Ne temas pri senpaga trajno. Validan fervojbileton ĉiuj pasaĝeroj devas posedi. La Esperanto-trajno retroveturos vendrede la 19an.

Pagoj okazu al banko **Caixa de Pensions** "LA CAIXA", str Tarragona 100, E-08015 Barcelona, konto nro 01 4067-10 (Esperanto-kongreso). Nepre pagu per poŝtmandato por eviti la bankelspezojn por ĉekoj.

Kongresejo estos **Torre Vella** (Antikva Turo) tuj apud stacidomo.

Salou troviĝas en la centro de la Ora Marbordo de la Mediteranea maro, kun milda klimato, mirindaj plaĝoj kaj belaj pinarboj. 10 km de Salou situas Tarragono, Barcelono je 105 km kaj la franca limo je 280 km. Flughaveno troviĝas en distanco de 9 km.

Postkongreso okazos en insulo Majorko per kvintaga aranĝo (20.-24. majo). Speciala aliĝilo ekzistas, sed aliĝo kaj pago - minimume la duona prezo - al adreso kaj konto de la 41a. Suma prezo 35.800 pesetoj.

Interese estas, ke Salou situas en Katalunio, same kiel Perpignan - do du sinsekvaj kongresoj en la sama regiono, kiu tamen estas nuntempe dividita inter du landoj.

Eldoniĝis turisma prospekto pri Salou.



Dekstre: pordo de kongresejo
Maldekstre: stacidomo Salou.

TK - INFORMOJ

La Fervoja Terminaro estas preta la tradukaĵo kaj ankaŭ la indekso.

La Terminaraj Kunlaborantoj, 40 kapablaj esperantistoj, kontrolas la tutan verkon por forigi lastajn malglataĵojn.

Intertempe ni aĉetis tre altkvalitan presilon, kiu liveros ege bone presitan tekston kun ĉiuj Esperanto-supersignoj.

Per tio ĉiuj problemoj estas solvitaj. En Salou sendube la Fervoja Terminaro estos je via dispono.

**Novaj projektoj de TK**

Jen mi prezentos al vi la novajn projektojn de la Terminara Komisiono:

1e Aktuala Fervoja Vortaro
Jen ni prezentos kaj tradukos novajn fervojajn fakvortojn.

2e Difinvortaro
Jen ni definos kaj klarigos la fakvortojn el nia Fervoja Terminaro, kiuj ne troviĝas en PIV.

3e Naciaj Fervojaj Vortaroj
Surbaze de niaj tradukaĵoj (la indekso) en la Fervoja Terminaro ĉiu nacio aldonu sian lingvon = en la tuta mondo absolute identaj Esperanto-tradukoj de la fer vojaj fakvortoj.

**La Aktuala Fervoja Vortaro**

Jen ni tradukos kaj difinos la plej aktualajn fervojfakajn terminojn, kiuj estiĝas pro la rapida (teknika) evoluo. Jam ni kompilis la unuajn dek. El ili mi citas du:

risortforta fiksbremso
Gi povas anstataŭi la spindelan manbremson de vagono. Per ŝaltilo antaŭpremita risorto estas liberigata kaj premas bremsblokon sur radringon.

frekvencportitaj datentelegramoj
Per ili oni sendas ŝaltordonojn al la dua lokomotivo aŭ ĝi servas por la navedtrajnregado. La datentelegramoj estas sendataj plurfoje po sekundo, ĝis la plenuminformo (laŭ la sama vojo) ĉesas tiun proceduron. (La uzita kablo nomiĝas UIC-Kablo, kiu estos aparte tradukita kaj difinita).

La Aktualan Fervojan Vortaron TK eldonos nebindumite en A5 formato, por ke vi povu envicigi la sekvontajn eldonojn. La terminoj estas tradukitaj en la 6 lingvojn de la UIC-terminaro kaj ĝi havos liberan lokon por via nacia lingvo - laŭ kiu vi povos, krome, ordigi, ĉar ĉiu termino aperos dufoje.

Per la Fervoja Terminaro Esperanto estas samnivela kun aliaj lingvoj. Per la Aktuala Fervoja Vortaro ni liveros la plej aktualajn faktojn el la fervoja mondo - tiam estos Esperanto vera "pontlingvo".

SED - unue la Terminaraj Kunlaborantoj kontrolu la Fervojan Terminaron. La projektoj devas resti provizore projektoj - -
kvankam la unuaj paŝoj jam estas faritaj.

Daŭrigo sekvos.

Dieter Hartig

---

ESPERANTO-BICIKLANTARO

Alia ebleco ol trajni estas bicikli. Tion praktikas JORGOS (George Comte el Ceret, proksime al Perpignan).

Jam la duan jaron li kune kun unudu-pluraj kunuloj biciklas tra Eŭropo por konatigi Esperanton. Lia metodo estas halti antaŭ urbodomo, ĉiam je la 16a horo, eniri kaj peti la urbestraron skribi - almenaŭ subskribi - en lia Ora Libro.

Tiel okazis ankaŭ en Perpignan, la 5an de junio. Bedaŭrinde tre malmultaj esperantistoj ĉeestis. Sajne LKK forgesis informi la kongresanaron. Spite al la baloto iu funkciulo akceptis la delegacieton, afable aŭskultis kaj subskribis.

Interesa kaj netradicia iniciato, kiu kondukas tra Francio, Italio, Jugoslavio (Junulara Kongreso) al Pollando kaj reen al Francio.

JARRAPORTOJ DE LA LANDAJ ASOCIOJ 1987. RESUMO KAJ KOMENTARIO

Ĝis la limdato 18 landaj asocioj sendis raportojn. Inter ili estis ankaŭ la ĉina landa asocio. Ĝi estos oficiala membro de nia federacio dum la kongreso en Perpignan.

Post poŝta memorigo ankaŭ la 2 lastaj asocioj sendis siajn raportojn, tiel ke tiu-ĉi resumo baziĝas sur raportoj de ĉiuj membrolandoj de nia federacio. Mi gratulas.

Ankaŭ tiun-ĉi jaron la raporto de Hungario estis la plej ampleksa kaj riĉenhava, sed ankaŭ multaj aliaj landoj ekzemple Belgio, Ĉinio, FR-Germanio kaj Jugoslavio kompilis abundan materialon. Entute la raportoj estis kontentigaj. La totala amplekso estis 60 paĝoj.

0. **La landaj asocioj.**

Laŭ la raportoj la membronombro estas entute 5301 kaj la nombro de IFEF-membroj 2163. Tio signifas malgrandan malkreskon totale, sed la membromovado en la opaj landoj estas modesta.

La elcento de emerituloj por IFEF totale kreskis de 45 lastjare al 48. En la opaj landoj ĝi varias inter 0 en Pollando kaj 91 en Nederlando.

Troviĝas kluboj aŭ lokaj grupoj en pli ol 140 lokoj kaj loĝas IFEF-membroj en minimume 500 diversaj lokoj en Eŭropo, Ĉinio kaj Japanio.

1. **Landaj organoj.**

En 15 landoj la fervojistaj esperanto-asocioj havas proprajn organojn, dum en Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Finnlando, Norvegio kaj Pollando la landaj asocioj laŭ bezono disponas specialan rubrikon en la organoj de la neŭtralaj esperanto-asocioj.

La organoj de niaj asocioj en Danio, Francio kaj Nederlando estas monataj. La aliaj eldoniĝas 4 ĝis 6 fojojn jare. La totala amplekso estis 1160 paĝoj. Plej grandaj estis la dana kaj la ĉina organoj kun po 230 paĝoj. 5 el la gazetoj estas pure esperantolingvaj, dum la aliaj havas kaj naci- kaj esperantolingvan enhavon.

2. **Rilatoj kun fervojoj kaj aliaj instancoj.**

Ĉiuj landaj asocioj escepte de tiuj en Britio, Ĉeĥoslovakio, Finnlando, Japanio kaj Pollando, havas rektajn, bonajn rilatojn al fervojaj administracioj. La kontaktojn ofte peras la landaj FISAIC-sekcioj, kie tiaj troviĝas. La fervojoj kaj/aŭ la FISAIC-sekcioj en 15 landoj, apogas nian laboron, kaj reciproke ricevas informojn pri la agado. En ĉiuj landoj kie ekzistas FISAIC-sekcioj, la kunlaboro kun niaj asocioj estas bona. Niaj landaj asocioj en Belgio, Danio, Finnlando, Francio kaj Italio havas membrojn kun oficoj en la FISAIC-sekcioj.

Klarigoj en Esperanto nun troviĝas en la oficialaj horaroj en Ĉeĥoslovakio, Danio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Norvegio kaj Pollando.

La duono de niaj landaj asocioj havas regulajn kontaktojn kun la fervojistaj sindikatoj. En 5 landoj la sindikatoj apogas nian laboron. Hungario kaj Norvegio priparolas la subtenon kiel signifan. La asocioj en Aŭstrio, FR-Germanio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Norvegio kaj Svislando pli aŭ malpli regule informas la sindikatojn pri la agado.

Ĉiuj landaj asocioj escepte de la brita, ĉeĥoslovaka, finna, japana, pola kaj sveda kunlaboras kun libertempaj, sportaj, kulturaj organizaĵoj por fervojistoj.

Kun neesperantistaj, ekzemple junularaj, virinaj, porpacaj organizaĵoj kunlaboras niaj asocioj en Ĉeĥoslovakio, Hispanio, Hungario, Italio kaj Jugoslavio.

3. Kunlaboro kun esperanto-organizaĵoj.
Nur la franca, japana kaj nederlanda landaj asocioj ne rekte kunlaboras kun la UEA-asocioj en la koncernaj landoj. En Britio, Danio, Hispanio, Nederlando, Norvegio kaj Svedio ekzistas kunlaboro kun SAT-grupoj.
Kontakto kaj kunlaboro kun aliaj esperanto-organizaĵoj okazas en diversaj landoj. Temas i.a. pri MEM, ILEI, IKUE, Germana Esperanto Instituto, Internacia Centro de Eŭropa Esperantomovado k.t.p.

4. Informado kaj varbado.
En Britio, Bulgario, Finnlando kaj Japanio niaj landaj asocioj tiun-ĉi jaron ne instigis artikolojn, sed en la ceteraj landoj la aktiveco tiu-rilate estis sufiĉe vigla i.a. okaze de la jubilea jaro. Nur malmultaj landoj menciis la nombron de artikoloj, sed verŝajne temas pri pli ol 400. Plej aktivaj estis laŭ la raportoj la asocioj en Ĉeĥoslovakio, FRGermanio, Hungario, Italio kaj Pollando.

En 1987 niaj asocioj distribuis minimume 11000 diversspecajn broŝurojn kaj 900 afiŝojn al deĵorejoj, unuopaj fervojistoj, sindikatoj, libertempaj organizaĵoj, lernejoj, gazetoj k.t.p. La raportoj indikas jenajn nombrojn: Aŭstrio 1000 broŝuroj/750 afiŝoj, Danio 400/100, Francio 3230/50, FRGermanio 2130/100, Hispanio 200/0, Hungario 2400/0, Italio miloj da broŝuroj kaj Svislando 1050/16 paneloj por ekspozicioj.

La nombro de fakprelegoj estis relative modesta, nome 52 entute. El ili 42 okazis en Hungario kaj la aliaj en Bulgario, Ĉinio, FR-Germanio, Italio kaj Pollando.

8 landaj asocioj instigis 17 televid- kaj radioelsendaĵojn de jenaj stacioj: Vieno (Aŭstrio), Huhhot (Ĉinio), Kopenhago (Danio), Okcidentgermana Radio, Heslanda Radio, Sudokcidentgermana Radio, Bavara Radio (FRGermanio), Székesfehérvár (Hungario), Undine, Pisa (Italio), Sarajevo (Jugoslavio) kaj Katowice (Pollando).

Okazis 29 ekspozicioj en 24 lokoj en Bulgario, Ĉinio, Danio, Francio, Hungario, Italio, Norvegio kaj Pollando. Aldone Aŭstrio montris migrantan ekspozicion en 43 stacidomoj. Totale proksimume 25 000 homoj vizitis la ekspoziciojn.

12 landaj asocioj per diversaj rimedoj informis pri esperanto en la deĵorejoj.

5. Kunvenoj kaj kursoj.
Ĉiuj asocioj aranĝis estrarkunvenojn. La nombro variis inter 1 en Ĉinio kaj Norvegio kaj 15 en Bulgario. Krome okazis proksimume 300 membrokunvenoj en 12 landoj. Ili havis pli ol 5000 partoprenantojn.

En ĉiuj landoj escepte de Ĉeĥoslovakio, Finnlando, Japanio, Norvegio, Svislando kaj Svedio okazis lingvokursoj. La nombro totale estis preskaŭ 90 kaj partoprenis pli ol 1000 lernantoj. Plej multaj estis en Bulgario, Ĉinio, Francio, FRGermanio, Hungario, Italio kaj Jugoslavio.

Korespondaj kursoj aranĝiĝis en Belgio, Britio kaj Francio.

Nur Aŭstrio kaj Japanio ne aranĝis jarkunvenojn. En Danio, Italio kaj Nederlando la kunvenoj okazis en la kadroj de landaj kongresoj. Pli ol 100 membroj partoprenis la jarkunvenojn en Ĉinio, FRGermanio, Jugoslavio kaj Pollando, dum inter 50 kaj 100 ĉeestis la kunvenojn en Belgio, Ĉeĥoslovakio kaj Francio.

En 8 landoj ekskursoj, fakprelegoj, akceptoj kaj festaj aranĝoj aranĝiĝis en konekso kun la jarkunvenaj aranĝoj.

Laŭ la raportoj 370 IFEF-membroj partoprenis la kongreson en Katowice.

6. Kongresa gazetara servo.
La duono de la landaj asocioj uzis la kongresajn bultenojn kiel fonton por artikoloj, raportoj

kaj prelegoj. 8 asocioj iamaniere publikigis la resolucion, sed neniuj raportas pri reago.

Bulgario, Ĉinio, Hungario, Jugoslavio kaj Nederlando represis la fakprelegon aŭ resumon de ĝi en fakaj aŭ sindikataj periodaĵoj, dum Danio, FRGermanio kaj Italio raportas pri mencio en similaj organoj.

7. Junularo.

12 landaj asocioj havas nombron da junaj membroj ĝis 30 jaroj. Por IFEF totale la nombro estas 612. Plej multaj troviĝas en Jugoslavio, Hungario, Bulgario, Pollando kaj Francio.

Speciale menciinda estas ke la lokaj grupoj en Jugoslavio informis pri esperanto inter la junaj lernantoj de la fervojistaj lernejoj.

8. Terminara kaj traduka laboroj.

Koncerne la UIC-leksikonon mi montras al la raporto de la terminara komisiono.

En Bulgario, Ĉeĥoslovakio kaj Ĉinio okazas laboro, kiu celas eldonon de novaj terminaretoj, dum la itala kaj jugoslava landaj asocioj preparas reeldonon de ĝisdatigitaj kaj pliampleksigitaj terminaretoj. GEFA eldonis tradukon de CIV.

Tradukojn de diversaj fakaj artikoloj publikigis niaj landaj asocioj en Ĉeĥoslovakio, Ĉinio, Francio, FRGermanio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Nederlando kaj Norvegio.

9. Movadaj aferoj.

8 landaj asocioj raportas pri iom da kresko, eĉ se ĝi plejparte estas modesta. 8 aliaj asocioj parolas pri stagno aŭ regreso, dum 4 nenion konkretan diras pri la situacio.

Pluraj landaj asocioj havas malfacilaĵojn, ĉar granda parto de la membraro estas emerituloj kaj la varbado nur malgrandskale efikas. Kelkloke ankaŭ estas malfacile trovi kapablajn kandidatojn por la oficojen la estraro kaj la komisionoj. Pro tio la raportantoj en kelkaj landoj esprimas timon ke post malmultaj jaroj oni ne plu kapablas daŭrigi la aktivecon.

Nur malmultaj landaj asocioj povas montri al gravaj atingaĵoj. Pri tio la ĉefkomitatano preparos apartan resumon. Ĝi estos uzata kiel bazo por diskuto en la "kunveno pri movadaj aferoj" en Perpignan.

10. Diversaĵoj.

**Aŭstrio** aranĝis simpozion en la universitato en Vieno "100 jaroj Esperanto".

**Belgio** petas la landajn asociojn intensigi la laboron de la FISAIC-sekcioj plibonigi rajton de liberaj biletoj por emerituloj.

**Britio** inaŭguris Esperanto-straton en Prestwick, Skotlando.

**Bulgario** aranĝis grandan ekspozicion okaze de 100jariĝo de esperanto.

**Ĉeĥoslovakio** okazigos en oktobro 1988 fakan konferencon pri modernaj fervojaj konstruelementoj kaj ilia elprovo, kie esperanto estos inter la laborlingvoj.

**Hispanio** elektis LKK por la kongreso en 1989 kaj jam antaŭ longe komencis la preparan laboron.

**Hungario** havas apartan oficejon por la landa asocio kun dungita afergvidanta sekretario en la ĝeneraldirekcio de MAV,
festis jubileon de Hungara Fervojista Mondo,
enkondukigis denove klarigojn en esperanto en la oficiala horaro,
instigis MAV eldoni sian statistikon ankaŭ en esperanto,
István Gulyás, János Patay kaj 8 aliaj gvidantoj de la landa asocio ricevis altajn ŝtatajn distingojn okaze de la centjara jubileo,
5 aliaj gvidantoj de lokaj sekcioj ricivis distingojn fare de Hungara Esperanto-Asocio.

**Italio** tre aktive partoprenis je la manifestacioj okaze de la

centjara jubileo.
**Japanio** pro la divido de la naciaj fervojoj en pluraj privataj entreprenoj havas malfacilajn laborkondiĉojn por la fervojistaj esperantistoj. Tio malebligis al ili aranĝi kunvenojn kaj eldoni la gazeton.
**Jugoslavio** kun limigita rezulto provis instigi la landajn asociojn de IFEF prezenti en Jugoslava Fervojisto artikolojn pri la vivo de fervojistoj en aliaj landoj.
**Pollando** en tre bona maniero aranĝis la IFEF-kongreson, ellaboris novan planon por vigligi la agadon inter la fervojistoj kaj tiel varbi novajn membrojn.

**11. Fina komentario.**
La komentarioj pri la ĝenerala situacio por la esperantomovado en la opaj landoj estas tre variaj. La ĉina asocio priparolas konsiderindan kreskon. Tre kontentiga estas taksita la situacio en la plej multaj orienteŭropaj landoj. Niaj landaj asocioj en FRGermanio, Italio kaj Norvegio raportas pri modesta kresko. 2 landaj asocioj raportas pri stagno, 5 pri regreso kaj 5 nenion diras pri tiu temo.

Bergen, 30.04.1988.
Per Engen, vicprezidanto.

---

## PROTOKOLO PRI LA PLENKUNSIDO ESTRARO/KOMITATO

## en la 40a IFEF-kongreso en Perpignan (F)

**Mallongigoj:**
k-o = komitato, k-ano = komitatano, ĉk = ĉefkonitatano, l.a. = landa asocio, Pr = prezidanto, Vp = Vicprezidanto, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, IF = Internacia Fervojisto;
por landaj asocioj estas uzitaj la aŭtomobilkodoj.

### Unua parto, 7.6.1988

**1. Malfermo, konstato mandatoj**
Pr bonvenigas la ĉeestantojn kaj dankas pro la granda nombro de partoprenantoj.
Ĉeestas 22 voĉdonrajtaj k-anoj (ekde tagorda punkto 9a = 23).

| Lando | Komitatano |
|---|---|
| Aŭstrio (A) | Leopold PATEK |
| Belgio (B) | Lucien DE SUTTER |
| Britio (GB) | Frank CURTIS |
| Bulgario (BG) | Georgi LITOV |
| Ĉeĥoslovakio (CS) | Jindrich TOMIŜEK |
| Ĉinio (TJ) | - |
| Danio (DK) | Jan NIEMANN |
| Fed.Resp.Germanio (D) | Klaus BOHNKE |
| | Willi GRASS |
| | Erhard HERLITZE |
| | Gernot RITTESPACH |
| Finnlando (SF) | Yrjö HILTUNEN |
| Francio (F) | Pierre ROBIOLLE |
| | Jean ROLLAND |
| Germana Dem.Resp. (DDR) | Achim MEINEL (ekde punkto 9a) |
| Hispanio (E) | Rafael DEVIS |
| Hungario (H) | István GULYÁS (ĝis punkto 9) |

| | |
|---|---|
| | Janos PATAY |
| | D-ro István BASCKAI (ekde punkto 9a) |
| Italio (I) | Germano GIMELLI |
| Japanio (J) | - |
| Jugoslavio (YU) | Franjo ŜLABEK |
| Nederlando (NL) | Wim VAN LEEUWEN |
| Norvegio (N) | Per Johan KROGSTIE |
| Pollando (PL) | Janusz FORTUNSKI |
| Svedio (S) | - |
| Svislando (CH) | Gertrud EGGENBERGER |

2. **Ricevitaj telegramoj, leteroj**
   Sk laŭtlegas salutleterojn de Jaap Labordus (NL) kaj de Mondpaca Esperantista Movado (MEM)

3. **Honorigo de la mortintoj**
   La ĉeestantoj honorigas la mortintojn de la pasinta jaro, kies nomojn Pr laŭtlegas:

| | |
|---|---|
| Belgio: | Joseph van Montagu |
| Britio: | Jack Clark |
| Bulgario: | Marin Marinov |
| Danio: | Borghild Bense |
| | Paul Christensen |
| | Anthon Jensen |
| | Frede Rafn Jensen |
| | Ingvard Kensing |
| Fed.Resp.Germanio: | Kurt Müller |
| | Helmut Seidel |
| | Wolfgang Zietz |
| Francio | Gérard Horn |
| Hungario | D-ro Jozsef Mátáffy |
| | István Szerdahelyi |
| Italio | Idillio Chicca |
| | Renato Ferrero |
| Nederlando | Willem F.Hoogendijk |
| Svislando | Johano Jüstrich |
| | Otto Walder |
| | Emil Zuberbühler |

4. **Informoj pri gravaĵoj el la nepublika kunsido**
   La IFEF-statuto devenas el la jaro 1972. Estas jam multe da korektoj. Tial IFEF starigos novajn statutojn. Ni fondis komisionon (Pr, Ks, d-ro Bolognesi (I), Patay (H)).

5. **Protokolo Katowice**
   Unuanime akceptita (vidu IF 5/87).

6. **Raportoj estraraj**
   6.1. Sekretario

   Unuanime akceptita (vidu IF 2/88).

   6.2. Redaktoro

   Unuanime akceptita (vidu IF 2/88).

6.3. Kasisto, konfirmo de kasraporto

Unuanime akceptita (vidu IF 2/88).

7. **Konfirmo pri invito al la 41a kongreso**

Rafael Devis (E) invitas al Salou en Hispanio (13a - 19a de majo 1989) kaj al la postkongreso en Majorko.
La invito estas unuanime akceptita.

8. **Kongresproponoj**

Propono 3: Belgio reprenas la proponon.

Propono 4: Pr klarigas, ke la celo de tiu propono estas malhelpi, ke ne povas retiriĝi la kompleta estraro.
21 k-anoj akceptas la proponon, 1 sindetenas.

9. **Estrarelekto**

Jen la rezulto de la estrarelekto:

| | Jes | Ne | Sindetenas |
|---|---|---|---|
| Pr J.Giessner | 14 | 6 | 2 |
| Vp I.Gulyás | 22 | - | - |
| Sk O.Rösemann | 22 | - | - |
| Ks H.Hauge | 20 | 1 | 1 |
| Rd E.H.Olsen | 21 | - | 1 |

La ĉeestantoj adiaŭas Vp Per Engen. Pr laŭdas la amikajn rilatojn kaj la akuratan kunlaboron en la estraro. Ĉiam modele agis Per Engen por IFEF. Pro liaj meritoj IFEF nomumas lin Honora Membro.

Per Engen diras, ke kompreneble la estraranoj ne ĉiam samopiniis, tamen estis ĉiam amikaj rilatoj en la estraro. Por la estonteco Per Engen deziras sukceson al IFEF.

Pr bonvenigas la novan vicprezidanton István Gulyás (H). Estas ĝojige, ke li tuj pretis kandidatiĝi por tiu ofico.
István Gulyás dankas pro la fido.

Pr deklaras, ke li persone estis reelektebla por la lasta periodo (ĝis kongreso Hamar).

Krome Sk retiriĝos en Salou. Estas bone, ke la itala l.a. pretas nomigi kandidaton.

9a. **Aliĝo de Ĉinio kaj GDR.**

1. Ĉinio:
   La nova l.a. pagis la kotizojn por 1987 kaj 1988.
   La k-o unuanime akceptis la aliĝpeton kun efiko de 1.1.87.
   Sk sendu saluttelegramon al Li Sen.
2. GDR:
   Tiu nova l.a. pagis la kotizojn por 1988. La k-o unuanime akceptas la aliĝpeton kun efiko de 1.6.1988.
   Achim Meinel dankas. Li substrekas, ke la nova l.a. jam delonge observis la agadon de IFEF kaj kelkmaniere kunlaboris.

10. **Raporto de la ĉefkomitatano**

Ck raportas pri sia agado en la pasinta agadperiodo. Li partoprenis en du estrarkunvenoj (Næstved kaj Bergen). Krome li forsendis unu cirkuleron kaj korespondis kun la estraro pri diversaj problemoj.
Unuanime akceptita.

11. **Raportoj de la komisionoj kaj komisiitoj**

11.1. Terminara Komisiono
En la kunsido de la Terminara Komisiono partoprenis 18 kolegoj el 11 landoj. La kunsidon gvidis Gernot Ritterspach. En majo 1988 aperis la 65a numero de "Terminara Kuriero". Detala raporto aperos en IF.
Unuanime akceptita.

11.2. Fakprelega Komisiono
La estontan laboron priparolis la partoprenantoj de la Fakprelega Komisiono. L.Sekereś diras, ke li kaj Ritterspach helpis en la preparado de la fakprelego. Detala raporto aperos en IF.
Unuanime akceptita.

**Dua parto, 9.6.1988**
**Ĉeestas 23 voĉdonrajtaj k-anoj.**

11.3. Koresponda Servo
Komisiito J.Demissy (F) raportas, ke li ricevis 25 leterojn el 8 landoj. Pr laŭdas la gravan kaj akuratan laboron.
Unuanime akceptita.

11.4. Komisiito por Skisemajnoj
Jan Niemann (DK) raportas pri la lasta skisemajno en Spitzingsee (D). Partoprenis 44 personoj el 8 landoj. Vidu IF 3/88.
Unuanime akceptita.

11.5. Komitatano A de UEA
I.Gulyás (H) donas raporton pri la lasta UK kaj pri la Fervojista Kontaktkunveno en Varsovio.
Vidu IF 5 kaj 6/1987.
Unuanime akceptita.

12. **Resumo pri raportoj landaj asocioj**
Vp Per Engen (N) donas gravan kaj ampleksan raporton. Li diras, ke estas malfacile verki tiun raporton. Ciuj l.a. sendis raporton. Eĉ Cinio sendis bonegan raporton. Ankaŭ la raporto de Hungario estis ampleksa kaj abunda.
La resumo aperos en IF.

Ekster la tagordo k-ano G.Litov (BG) honorigas prezidanton Giessner per la Jubilea Ora Medalo "Cent Jarojn Esperanto" de la Centra estraro de Bulgara Esperanto-Asocio pro liaj kontribuoj al la Esperanto-movado.

13. **Laborplano**
Pr diras, ke la laborplano estas trovebla en IF 3/1986. Li rekomendas, ke la l.a. kaj la membroj utiligas la laborplanon.

14. **Resumo pri la situacio en kelkaj landoj**
Cinio: Finfine nun Cinio ankaŭ estas l.a. de IFEF. Ili pagis kotizojn por 20 membroj. Entute apartenas al la ĉina l.a. ĉirkaŭ 230 membroj. G.Eggenberger (CH) rekomendas, ke la l.a. sendu regule siajn bultenojn al Cinio.

GDR: Granda sukceso estas, ke ankaŭ la fervojista grupo en GDR aliĝis al IFEF.

USSR: La afero pri aliĝo al IFEF ne estas matura. Sed la sovetaj kolegoj ŝatas aliĝi. Rd diras, ke li sendas IF al konataj adresoj.

Portugalio: Rd diras, ke IFEF sendas IF al ili.

Skandinavio, Nederlando, Britio: Estas malfacila situacio pro tio, ke mankas junuloj.

Japanio: Per Engen (N) raportas pri malagrabla situacio. Oni komplete ŝanĝis la staton de la fervojo kaj dissplitigis ĝin en diversaj privataj firmaoj. Tial la fervojista Esperanto-grupo apenaŭ havas eblecon ekzisti. IFEF devas pripensi, kiamaniere ni povas helpi.

15. **Budĝeto 1989 kaj kotizfiksado**
Ks klarigas la budĝeton 1989. Car la enspezoj kaj elspezoj estas la samaj kiel en la lasta jaro, la estraro ne proponas kotizaltiĝon. BEFA pagis por la terminaro 70000 belgajn frankojn el finkalkulo de kongreso. En la kongreso Perpignan ni kolektos nebezonatajn monerojn. La raporto estas unuanime akceptita.

16. **Elekto revizoroj**
La dana l.a. proponas jenajn revizorojn:

Anders Klausen
Frederik Nielsen
Knud Fisker
Svend Hvass (vicrevizoro)

Unuanime akceptita.

17. **Delego laŭ statuto §§ 3 kaj 7 al c)**
Unuanime akceptita.

18. **Rilatoj al aliaj organizoj**

18.1. UEA
Wim van Leeuwen (NL) raportas pri la fervojista kontaktkunveno en Rotterdam okaze de UK (28.7.1988). Oni planas allogan programon kaj fakprelegon.
Gernot Ritterspach (D) informas pri la taskoj de TEC (Terminologia Esperanto-Centro). Kelkaj IFEF-membroj kunlaboras. Ritterspach reprezentas IFEF en TEC.

18.2. FISAIC
Pr diras, ke la ĝenerala prezidanto de FISAIC, kiu partoprenis en la inaŭguro Perpignan, estas tre kontenta pri la kongreso. Li transdonis la oran medalon de FISAIC al kolego Heinz Dieter Hartig (D) pro ties meritoj rilate al la terminara laboro.
En Parizo la franca FISAIC-sekcio festos sian 50an datrevenon. Partoprenos oficiala delegacio de IFEF.

19. **Venontaj kongresoj**

19.1. Elekto de lando por 1990
Per Johan Krogstie invitas la kongreson al Hamar (N).

19.2. Diskuto pri pluraj eblecoj
J.Tomiŝek diras, ke verŝajne povas esti la kongreso en la jaro

1991 en Ĉeĥoslovakio. Mankas ankoraŭ la fina aprobo. En kelkaj monatoj li sendos la inviton al la IFEF-estraro.

20. **Internacia Skisemajno 1989**
La preparado en Pollando estas komplika. En If ni komunikos, ĉu la skisemajno okazu aŭ ne. Se ne, la skisemajno espereble okazos en alia lando.

21. + 22. **Eventualaĵoj kaj Libera Diskutado**
Lucien de Sutter (B) kaj Rd atentigas al aranĝoj, kiuj preterpasis, kiam tiu raporto aperos en IF.

Por la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj plendas C.Dazzini (I), ke la movado lamas. Tial ILEI petas pri informoj de eblecoj de lernado kaj metodoj.

S.Boschin (I) laŭtlegas poemon.

E.Kruse (D) plendas pri la konduto de kelkaj personoj, kiuj malbone utiligas la Pasportan Servon. Ciuj nepre devas respekti la regularon.

Jan Niemann (DK) invitas al la Nordia Fervojista Kultura Semajnfino en Knudhule, Ry (DK). La aranĝo estas de 16a ĝis 18a de septembro 1988.

Lindhorst, 12.7.1988

Protokolis: O.Rösemann

## EL NIAJ LANDAJ ASOCIOJ



**Jubileantoj de JAFE**

Dum la ĉi-jara regula jarkunveno de JAFE, okazinta sur monto Sljeme apud Zagreb, la 16an de aprilo 1988, pli ol 200 ĉeestintoj subskribis grandegan "gratul-karton" al kamarado Dragutin Buha, honora prezidanto de la asocio, okaze de lia 80a naskiĝtago. Al alia jubileanto - kamarado Stevo Popović el Svetozarevo (75jaraĝa) - oni tiuokaze transdonis libron "Tito kaj fervojistoj" kun konvena dediĉo.

Beograda fervojista Esperanto-societo "Branko Maksimović" aranĝis modestan solenaĵon, dum kiu prezidanto de JAFE mgro G.Sredić transdonis la specialan "gratul-karton" al kamarado Buha. Je la nomo de la societo (kies honora membro li estas) pri kamarado Buha parolis Dušica Jovanović, prezidantino de la societo (en la bildo).

F.Ero

**Bulgario.**

La 16an kaj 17an de aprilo 1988 la fervojista esperantista societo "Fervojisto" en urbo Stara Zagora celebris sian 20an jariĝon. Ceestis ĉirkaŭ 60 geesperantistoj el la tuta lando.

Prelegojn pri la agado de la societo faris s-ro Tonĉo Dikov.

Vespere la fondita teatro ĉe la societo prezentis tre interesan spektaklon en Esperanto. La spektaklo nomiĝas "D-ro Esperanto" kaj prezentas la vivon kaj agadon de d-ro Zamenhof. La spektaklo konsistas el 3 partoj. En ĝi ludas geesperantistoj de la societo mem.

La teatro intencas prezenti ankaŭ aliajn spektaklojn en Esperanto.

## Kunveno de HEFA en hispana kongreso.

Okaze de la 48a Hispana Esperanto-Kongreso en Valencio, de 14a ĝis 18a de julio, 11 ĉeestantoj de Hispana Esperanta Fervojista Asocio el Valencio, Zaragoza, Barcelona kaj Madrido, kunvenis por interŝanĝi ideojn, aktualaĵojn, ktp. de urbaj grupoj kaj precipe pri la informoj kaj organizado de la venonta 41a IFEF-kongreso de Salou.

HEFA

## Brila fervojista renkontiĝo en Hungario.

De la 1a ĝis 3a de julio 1988 la hungaraj fervojistaj esperantistoj festis sian 24an Landan Amikan Renkontiĝon en la sudhungara urbeto Kiskunhalas. Bonege funkciis la organizado fare de la loka Fervojista Esperanto-Fakgrupo sub gvidado de J.Ónodi, tiel ke ĉiuj aranĝoj okazis bonorde kaj ĝustatempe. Partoprenis gekolegoj el tuta Hungario kaj 13 eksterlandanoj el 8 landoj.

La unuan vesperon estis ebleco viziti lokan amatoran observatorion, interesa afero, kvankam ĝuste tiun vesperon la ĉielon kovris nuboj.

Cefaĵo de la sabata antaŭtagmezo estis la oficiala jarkunveno de la Fervojista Fako, en kiu festparoladis d-ro M.Szegedi. Lerte gvidis D-ro Bácskai, salutis la gastojn István Gulyás. La salutojn de la IFEF-estraro kaj de la Federacio transdonis la IFEF-prezidanto J.Giessner. El la raportoj de sekretario J.Patay kaj de aliaj diskutantoj estis ekkonebla la vigla agado en la lokaj grupoj kaj landa estraro. Ok kolegoj ricevis distingojn pro meritoj.

Alia grava oficiala programero estis akcepto ĉe la Urba konsilantaro, kies estro K.Szabó en antaŭa publika bapto-ceremonio en la fervoja stacio simbole transprenis nove konstruitan elektran lokomotivon, kiu ricevis la nomon "Kiskunhalas". Festparolis la vicdirektoro de MÁV en Szeged, J.Tóth.

En la tre taŭga kulturdomo fervoja oni prezentis ĉarman kant- kaj muzikprogramon kaj vespere tie okazis dancado kun - kiel bedaŭrinde ĉiam - tro laŭta muziko. Granda nombro da interesuloj povis spekti videofilmon pri la prezentado de fragmento el planita teatraĵo surbaze de la libro "La lastaj infanoj de Oldrovalo". Tiun emociigan monodramon prezentis la pola aktorino J.Gibczynska.

Substrekinde estas, ke ĉeestis en la festo Jenő Pásku, fakestro de la fervojista sindikato. Li montris sin tiel forte impresita de la funkciado de la lingvo kaj de la etoso entute, ke li spontanee deklaris, ke venontan fojon li estos esperantisto. Liaj vortoj, ke li ĉiam subtenos la agadon de la fervojistaj esperantistoj morale kaj finance, rikoltis fortan aplaŭdon.

Bonsukcesa dimanĉa fino de la multvaria aranĝo estis vizito en vinkelo, kie tre baldaŭ kaj ankaŭ poste regis gaja atmosfero, ĉar oni servis po tri specojn de ĉampano kaj de bona vino. Krome ĉiu rajtis kunporti botelon da ĉampano.

Dankon al la hungaraj amikoj pro la invito kaj bona organizado.

Jogi




Bapto de elektra lokomotivo de MÁV laŭ la nomo "Kiskunhalas" la 2an de julio 1988. De maldekstre J.Ónodi, estro de fervoja nodo Kiskunhalas, J.Giessner, prezidanto de IFEF, I. Gulyás, prezidanto de Fervojista Fako de HEA, d-ro I.Bácskai, honora prezidanto de Fervojista Fako de HEA.

## NEKROLOGO

### GEORGI DOLAPĈIEV

Tute subite nin forlasis la 15an de julio 1988 nia kara, altestimata samideano Georgi Dolapĉiev. Ni perdis grandaniman homon, abnegacie dediĉinta sin al altaj idealoj dum tuta sia konscienca vivo.

Georgi Dolapĉiev naskiĝis la 26an de oktobro 1906 en apudlandlima urbeto Malko Târnova en malriĉa familio. Studis en Varna komercan gimnazion, akiris superan financan edukon en Sofio. Oficis multajn jarojn en Bulgara Fervojdirekcio kaj atingis altan postenon. Sur socia kampo li aktivis ĉefe sur abstinula kaj esperanta kampoj, kontribuis ankaŭ en la politika vivo je la flanko de la popolo.

Esperanton li lernis ankoraŭ kiel gimnaziano en 1921. Aktivis en loka E-societo "Frateco" en Varna, kiu laŭ lia propono pli poste prenis la nomon "Albatro". En tiu urbo li fondis lernantan E-societon "Verda Lumturo". La elstara aktivado de tiu societo sekvigis fondon de multaj gelernantaj E-societoj tra la lando kaj fondon de Gelernanta Esperantista Ligo en 1926. Georgi Dolapĉiev estiĝis ĝia prezidanto kaj unu el la redaktoroj de ĝia monata organo "Esperantska Mladeĵ", eldonata en bulgara kaj Esperanto. Tri jarojn la Ligo vaste agis, sed Klerigministerio malpermesis ĝin kaj ĝian presorganon. Georgi Dolapĉiev limigis sian aktivadon en la kadroj de societo "Albatro" - estis sekretario, poste prezidanto, gvidis multajn esperantajn kursojn, interalie ankaŭ por fervojistoj. Li transloĝiĝis en Sofio en 1936 kaj daŭris partopreni en la vivo de ĉefurbaj esperantistoj. Dum kelkaj jaroj li estis prezidanto de ĉefurba E-societo "Maksim Gorki", partoprenis la gvidadon de Bulgara Esperantista Kooperativo. La 32a nacia Esperanto-kongreso en 1956 elektis lin prezidanto de Bulgara Esperantista Asocio. En daŭro de lia kvarjara gvidado BEA stabiliĝis kaj kreskis, akiris gravajn sociajn poziciojn, aliĝis al UEA. Li iniciatis en 1957 la ĉiusemajnajn elsendojn en Esperanto fare de Radio-Sofia kaj gvidis ilin en daŭro de 18 jaroj. Dum iu periodo li estis prezidanto de Sofia Urba Estraro de BEA, dum multaj jaroj ĝis kelkaj monatoj antaŭ sia morto li prezidis la Centran Kontrolan Komisionon de BEA.

Kiel profesia fervojisto li multon faris por starigo kaj plifortigo de la Fervojista Sekcio de BEA. Multajn jarojn li estis ĝia prezidanto, aligis ĝin al IFEF. Kiel multjara komitatano de IFEF li rimarkinde kontribuis la agadon de la organizaĵo. Li estis prezidanto de LKK de 20a IFEF-kongreso en Varna en 1968 kaj multe kontribuis por ĝia brila sukceso. Li tre aktivis ankaŭ por la bona aranĝo de 36a IFEF-kongreso en Slanĉev Brjag en 1984. La nuna bona rilato al la Fervojista Sekcio fare de Transportministerio kaj de la Fervojdirekcio multe ŝuldiĝas al la klopodoj de nia neforgesebla Georgi Dolapĉiev.

Pro lia modela socia agado Georgi Dolapĉiev dufoje estis dekorita per altaj ŝtataj ordenoj.

Ciuj, kiuj persone konis lin, ja tio estas preskaŭ tuta bulgara esperantistaro konservos por ĉiam helajn memorojn pri la estiminda homo. La esperantaj generacioj lernos de lia ekzemplo.

Fervojista Sekcio
de Bulgara Esperantista Asocio.

---

## NIAJ JARKUNVENOJ

### Francio

Jarkunveno de FFEA okazos 23.-25. septembro 1988 en Houlgate. La urbo Houlgate en okcidenta Normandio ankaŭ nomiĝas 'Perlo de la Flora Marbordo'. Krom ĝeneralan kunvenon de FFEA la aranĝo enhavas ekskurson laŭlonge de la bordo. Informoj ĉe: FFEA, 1bis, rue d'Athènes, F-75009 PARIS.

## NIAJ JARKUNVENOJ

### Pollando

La 5a Pola Fervojista Esperanto-Kongreso okazos 30.septembro - 2.oktobro 1988 en Swidnica. Informoj ĉe: "Esperantotur", str. Sikorskiego 31, PL-58-105 SWIDNICA.

### FRGermanio

32a GEFA-jarkunveno okazos 7.-9. oktobro 1988 en Kaiserslautern (sudokcidenta parto de FRG). Neformala kunesto, urbirado, ekskurso, festvespero, matineo. Informoj ĉe: S-ro Alois Haupenthal, Brennender-Berg-Strasse 28, D-6603 Sulzbach/Saar.

## ITALA RAPIDECO

Raportas Hana Vaŝkova, Cs.

Rapidecon 255 km en horo atingis nova itala supereksprestrajno ETR 450, kiu veturis ekzamene inter la urboj Romo kaj Milano. Vojon longan 700 km ĝi traveturis dum 3 horoj 58 minutoj. La nova elektra trajno estas nomita Pendolino, ĉar dank' al moderna komputiltekniko ĝi povas en vojkurbiĝoj multe movi sin. Tio ĉi ebligas al ĝi traveturi 100 metrojn longan radiuson en rapideco 180 km en horo, t.e. dum 2 sekundoj. La nova rapidtrajno veturas en normala trafiko ekde junio 1988.

## ENHAVO:



Saluto al la jubilea (40a) kongreso en Perpinjano, junio 1988.

Ekzistis geni' Bjalistoka.
Li ne nur laboris per loka
kaj propra bonfarto,
sed laŭ nobla arto
instigis al pac' reciproka.

Unua kongreso Arhusa.
Efiko montriĝis tre plusa.
Ek el nenio:
Kuraĝa defio,
ke IFEF fariĝu globusa!

Nun mi, kongresan' Perpinjana,
jam sentas min preskaŭ nirvana.
Post tio mi mutas.
Sed kore salutas
vin IFEF-sekcio la dana.

abi

## FERVOJA KORESPONDA SERVO

J.Demissy, 18 avenue du Lieutenant Bourguignon, F-55600 Montmedy.

Indiku viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp. Aldonu internacian respondkuponon (aŭ francajn poŝtmarkojn) por ĉiu dezirata korespondadreso.

## IFEF-skisemajno

28.1-4.2.1989 en Mühlbach, Aŭstrio. Informoj ĉe Astrid Birkbak, Rugvaenget 46, DK-2750 Ballerup, Danio.

Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos en novembro, estas 10.10.1988.

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved.